# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

### RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ



Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale



PLENUMITA 04/04/2019 Kvarcentdudeka eldono (unua eldono 20/09/2011)
SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 811,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 333,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 308,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 170,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Margaret Chaldecott_forpasis 25an de Marto 2019 aĝa 92







**Fruaj artikoloj pri kaj de Margaret.**

***Unua*** **Margaret Chaldecott retiriĝis for de ED**

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

**Artikolo skribita de Roger Springer por Telopeo, 2016**

**La novaĵletero de la Esperanto-Federacio de NSK**






Telopeo ekzistas ĉar Margaret daŭrigis ĝin dum multaj jaroj, trovante enhavaĵon, tajpis, enpoŝtigis, kaj prizorgis la bezonitan adresliston de ricevantoj. Margaret estis oficiro en la VAD (Volontula Asista Taĉmento, iu ina parttempa armea grupo.) La parttempa armea sakŝalmistaro muzikis por la VAD, do mi, iel, sakŝalmisto renkontis Margaret antaŭ 57 jaroj.

Poste mi re-renkontis ŝin en Esperantujo

Margaret estas konscienca, subtena kaj fidema ano de EFNSK.

Ŝi estis la sekretario dum jaroj kaj fidinde ĉeestis por malfermi Esperanto-Domon je ĉiu Merkredo

Se estis bezonata, ŝi ofte ĉeestis ED je aliaj tagoj de la semajno.

Ŝi prizorgis la gastĉambron, ofte bonvenigis la gastojn, prizorgis la korespondadon, la bibliotekojn, la librojn kaj la bezonitan mastrumadon, ktp. je ED.

Margaret tajpis la provizoran 32 paĝan 'Key' libreton en komputilon.

Margaret estis fonto de la historio de EFNSK kaj Esperanto-Domo.






Nur kiam korpe ŝi ne plu povis veni al ED, ŝi retiriĝis de Esperanto-Domo.

**La Federacio dankegas ŝin pro ŝia granda laboro. 2016**

Roger Springer

# *Dua* Kiam Margaret atingas sian Naŭdekan naskiĝtagon

Margaret Chaldecott skribis



Lastsemajne mi atingis la saman aĝon kiun la reĝino atingis kun granda ceremonio - 90. Por ŝi estis preskaŭ tutjara festo sed por mi tio estis simpla afero. En la eklezio/preĝejo oni honoris min per mallonga parolado, sed kun bela bukedo de floroj, kaj granda kuko sur kiu estis mesaĝo.

Oni fotis min kun la floroj kaj kuko, kaj jen la foto. Bedaŭre mi ne povas montri la supran parton de la kuko, sur kio estis floroj kreitaj de sukeraĵo.

La naskiĝtagoj de mi, la patrino de la reĝino kaj ŝia fratino okazis en la samaj monatoj sed ne en la samaj datoj, do dum mallonga periodo en ĉiuj jaroj ni tri povis festi preskaŭ samtiale.

Lastjare mi decidis vendi la domon kaj nun mi loĝas en domo por maljunuloj. Iomete pli utile, kaj iomete malutile. Iel, en la fruaj tagoj ĉi tie mi suferis malgrandan difekton en la dorso, kaj bezonas 4-radan helpilon. Tiu estas bona kiam mi marŝas sur la strato sed malhelpas min kiam mi devas uzi ŝtuparon. Do mi ne povas atingi Esperanto-domon sen helpo.

En la unuaj tagoj ĉi tie estis problemo ricevi taŭgan manĝaĵon ĉar la kuiristo ne komprenis kiel kuiri por iu kiu ne manĝas viandon, sed nun li povas doni al mi ion manĝeblan. Loĝante en tia "all inclusive" domo, oni iĝas mallaborema!

Sed estas bone ke mi povas utiligi la komputilon.

Ni povas iri semajne per aŭtobuso al biblioteko, kaj mi ricevas ege interesajn librojn. Nur en la angla lingvo, nefeliĉe.

Ĝis mi povas trovi interesan temon por alia mesaĝo.

Ĝis revido/reskribo

*Margaret Chaldecott*



## ***Tria*** Margaret Chaldecott. Skribita antaŭ dek jaroj




Mi eklernis Esperanton en Londono, antaŭ ol mi komencis hejmenveturi ŝipe. Kun malgranda skribmaŝino, mi ekkreis alfabetan vortliston uzante tiujn vortojn kiujn mi lernis per French's Grammar.

Tuj post kiam mi alvenis hejme, mi kontaktis la Sidnejan Esperantan Societon.

Tie, helpata de Tom Elliott, mi laboris pri Telopeo.

En la jaroj ekde 1964 mi estis sekretario, prezidanto, kasistino en kaj SES kaj NSKEF, kaj helpis pri Libroservo.

Mi ĉeestis UKojn en Islando, Aŭstrio, Ĉinio (du-foje), Brazilo, Norvegio kaj Kubo.

Intertempe mi preparis vortliston por viro kiu tiutempe loĝis kaj laboris en Interna Mongolio. Li venis al Sidnejo, kaj nun estas ano de la Federacio. La listo temis pri vortoj kiuj aspektas simile sed havas tute malsimilajn sencojn. Mi sendis tiun teatraĵeton al la unua UK en Brazilo, kie mi gajnis premion (la 4an, iom ekster la kutima 3a).

Pro tio, Josip Pleadin metis mian nomon en sian libron *Ordeno de Verda Plumo*.

Mi estis ano de UEA dum pli ol 40 jaroj, kaj pro tio ricevis dank-ateston. Ekde eble 10 jaroj mi estas Honora Membro de AEA.

Mi pretas akcepti iun ajn postenon - krom Prezidanto. Margaret Chaldecott

## Kvara El la retejoj de kaj AEA kaj EFNSK

Tre malfeliĉe ni anoncas, ke nia kara amikino Margaret Chaldecott forpasis la 25-an de marto, 2019.

Margaret estis dum longa tempo membro de la Sidneja Esperanto-Societo kaj, ekde 1964 ŝi estis diverstempe sekretario, prezidanto kaj kasisto de la Esperanto-Federacio de Nova Sud-Kimrio (kaj la redaktisto de nia novaĵletero “Telopeo”) kaj estrarano de la Aŭstralia Esperanto-Asocio. Ŝi estis delegito de UEA dum multaj jaroj.

Per dediĉitaj membroj kiel Margaret la movado travivis kaj prosperis dum multaj jaroj kaj pro tio ni multe dankas ŝin. *Jonathan Cooper*

## Kvina Roger Springer

Margaret estis mia Esperanto-amiko dum 60 jaroj. Dum mi prezidantis la NSK Federacion ŝi estis sekretariino kaj subtenis min pri la aferoj de la Federacio. Ĉiujn merkredojn ŝi iris al Esperanto-domo kaj prizorgis la bezonitajn taskojn de la Federacio.

Telopeo estis ŝia ŝatata tasko. En ĝi ni metis la protokolojn de NSKF (Esperanto-domo) senŝanĝe kaj inkluzata de la financaj kontoj. Tiuj montris ĉiujn agojn kiuj okazis kun la mono dum la periodo post la lasta raporto. Tiel neniuj havis dubojn pri la agoj de la Estraro. Telopeo estis sendita al la 300+ nomoj en la listo de la ricevantoj de la Aŭstraliaj Esperantistoj novaĵletero.

Ankaŭ ŝi iris al Esperanto-domo en aliaj tagoj kiam bezonita aŭ por renkonti vizitantojn en la domo. Post ŝia retiriĝo la tasko de prezidanto iĝis pli malfacila.

Mi aĝas kvar jarojn malpli ol Margaret. 14 jarojn malpli ol Marcel.. 13 jarojn malpli ol Eunice. Ankaŭ aliaj Esperanto-amikoj de mi maljuniĝas La jaroj flugas! *Roger Springer*



# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.



## N.ro 62 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




Malfacilaĵoj en la Esperanta sistemo aperas precipe kiam oni devas elekti la ĝustan adjektivon, refleksivan (sia) aŭ ne. Tio okazas kiam ĉeestas du aŭ pli da Subjektoj aŭ Objektoj aŭ Adjektoj aŭ Prepozitivoj. Jen du ekzemploj: “La patro donis al sia filo sian biciklon” (= la biciklon de la patro) aŭ “lian biciklon” (= de la filo). Kaj: “Li faris longan pledadon favore al sia kuzo (kuzo de “Li”) aŭ “al lia = de iu alia”.

Preskaŭ ĉiun malfacilaĵon ĉe la Esperanta Refleksivo oni solvas se oni strikte aplikas la regulon, ke LA REFLEKSIVA PRONOMO (KAJ ADJEKTIVO) REFLEKTAS LA PRONOMON TRA LA VERBO AL TIES SUBJEKTO. Ekz. “Li renkontis Petron sur sia biciklo” = “sia” rilatas tra la verbo “renkontis” al ties Subjekto “Li” kontraŭ “sur lia biciklo” = la biciklo apartenanta al Petro. Komparu “Mi vidis Petron sur sia biciklo” (ne eblas) kun la nur ebla “Mi vidis Petron sur lia biciklo”.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*



Notu tamen: "Paŭlo kaj lia biciklo (= de Paŭlo)" kaj "Paŭlo kun sia biciklo" ĉar prepozicio (ĉi tie "kun") funkcias kiel verbo inter du substantivoj, do "Paŭlo kunas sian biciklon". *Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 6a de aprilo estos la unua sabato. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. Venu al la Manlia grupo, Bonaj amikoj, Esperanto-apliko, instruo kaj klubpagota kafo. Vizitantoj bonvenaj *Roger Springer*



# Instrui en la ĝardeno.



**MALGRAŬ ĈIO, ZAMENHOF TAMEN GENIAS PRI LA PARTICIPOJ .**

Ni, kaj preskaŭ ĉiuj konataj Esperantologoj antaŭaj, ofte kaj ĝuste plendas ke Zamenhof "forgesis" krei verban pasivan voĉon. Zamenhof ja kreis ĝin, sed ĵus antaŭ ol publikigi sian lingvon, li elĵetis ĝin el sia lingvo, pro prava timo ke la eŭropanoj ne kutimiĝos al ĝi kaj tial malakceptos ĝin. Krome li havis ankaŭ kleran sistemon de adjektivaj participoj, kaj kvankam ne ekzistas iu ajn rilato inter participoj kaj voĉoj, gramatike, li rapide decidis, antaŭ la eldono de la libro, krei pasivan voĉon el participoj. Tion uzas multaj eŭropaj lingvoj, kvankam tio gramatike ne logikas nek en Esperanto nek en la eŭropaj lingvoj (sed en etnaj lingvoj ĉio estas praktike juĝata logika).

Se ni rigardas ekz. la "Perfektan Tempon" en eŭropaj lingvoj, ni vidas ke ili uzas du verbojn por esprimi tiun Agtempon, nome "havi" kaj "manĝi" en ekz. "*He HAS already EATEN his lunch*" (Li jam estas manĝinta sian tagmezan manĝon). Nu, kiu vorto indikas en la angla la agon "manĝi"? Ĝi estas ":*eaten*:". Sed la Perfekto indikas la agon en du verboj. Do kie estas la dua vorto kiu indikas la agon "manĝi" en alia tempo? Ĝi ne povas esti "havas", kiu ne indikas "manĝi". Do ĉeestas nur unu ago en unu tempo, "manĝi" en la pasinteco. Do kial ne simple diri "Li jam manĝis sian lunĉon"? Tio indikas ekzakte tion kio okazis. Jes, sed la eŭropanoj, en ĉi tiu kazo, ne nur volas diri ke li manĝis, sed kiun efikon tiu manĝado havis sur la subjekton, sur lin. Do ankaŭ, aŭ precipe, aŭ nur, tion kio estas la rezulto de la pasinta ago. Sed la efiko de la ago sur personon ne estas ago en la senco de "manĝi", sed en la senco de adjektivo, de stato de la substantivo (aŭ pronomo). Tiu stato de la substantivo aŭ pronomo, ĉi tie do de "li", restas "manĝinta", *having eaten*, do adjektivo. Do la Perfekta Tempo en la angla (kaj aliaj eŭropaj lingvoj) konsistas el indiko de la stato de "li", kaj oni indikas la staton per adjektivo, "*eaten*". Sekve la vorto "*eaten*" en ĉi tiu frazo (Perfekto) estas kaj funkcias kaj nomiĝu "adjektivo", ne "verbo", en la eŭropaj lingvoj. Kaj jen do la genio de Zamenhof, kiu sciis , aŭ intuiciis, ke la Perfekta Tempo estas la verbo "*have*", kiu devas esti

"*is*" , kun adjektivo kiel Predikativo (*is having eaten*). Konsekvence Zamenhof genie uzis la verbon "esti" por indiki staton de "*having eaten*", "manĝinta". Estas ĉi tiu kompreno de Zamenhof, kiu faras lin genia, nome scii ke la etnaj lingvoj malĝustas nomi "(*having) eaten*", Verbo, kiu devas nomiĝi Adjektivo, kaj ĝuste esprimi la situacion de stato en Esperanto per "esti manĝinta", esti adjektivo.

Komprenante ĉi tion genie, Zamenhof kreis bonegan sistemon de participaj ajektivoj; ses da ili. Tio ne havas rilaton al la Pasiva Voĉo, kiun li elĵetis kaj kiun do ni devis krei. Sed ekde la komenco de Esperanto ĉiuj solvoj konsistis en kreado de neoficialaj neologismoj, prave ne akceptataj de la Esperantistaro, ĝis fine mi trovis manieron krei ĝin oficiale, Fundament'ece, pro la malkovro de la Zamenhof'a Regulo de Signiforeduktado, per la sufikso "-ati". La genio de Zamenhof do por tio ne konsistas en la malĝusta uzo de la participoj kun "esti", sed en la kreado de tiu sistemo de participoj (NE verboj!) kun "esti" anstataŭ kun "havi", kiel mallogike faras la eŭropaj lingvoj.

*Marcel Leereveld*.

## LA REALA MALFACILEGO.

Refoje aperis propono por plibonigi nian maljustan kaj malŝpareman sistemon socian kaj ekonomian. Ĉifoje la konsilo, ke la infanoj kaj interaĝuloj ordonu al la plenkreskuloj fariĝi plenkreskintaj kaj rearanĝu la socion.

Refoje la proponantoj ne komprenas, ke tio malmulte kaj ne sufiĉe efikos, ĉar ne estas la aŭstralianoj ĝenerale kiuj havas la potencon ŝanĝi kaj formi la socion kaj la ekonomion, sed ke estas la grandaj, plejparte internaciaj, superkompanioj kiuj kapablas ŝanĝi kaj formi la socion, kiun ili plene regas. Se la aŭstralianoj penas ŝanĝi ion, plibonigi ion, kaj la superkompanioj ne ŝatas tion, ili simple minacos komplete bojkoti nian landon. Ili ja havas la potencon en plej multaj aliaj landoj, kiujn la kompanioj ordonos bojkoti nin. Tio ruinigus nian landon.

Nur internacia rezisto al la potenco de la internaciaj superkompanioj, ege malfacila, povos plibonigi la mondajn ekonomion kaj socioin. Aŭ la potenco de diktatura ŝtato kia Ĉinujo, ŝanĝante la ekonomian kaj socian strukturon, povos fari tion, kaj ni povos tial subteni tian diktatorecon, sed la verŝajneco estas, ke tiaj diktatorecoj agos same, se ne pli malbone, en sia traktado ante la popolojn.

*Marcel Leereveld.*

## LA VICORDO EN MIA ESPERANTO-INSTRUADO .

Pro, nur kelkaj, malsamaj komprenoj kiujn mi havas pri la verbsistemo de Esperanto, mi en miaj kursoj havas iomete malsaman vicordon de la diversaj partoj de la gramatiko de Esperanto. Plej ofte mi havas la saman vicordon, precipe en la komenco, sed speciale pri la verbtempoj kaj pri la participoj mi sekvas alian tempordon. Jen do mia vicordo, kvankam pri la malpli gravaj eroj malkomplikaj mi estas ofte liberema kaj iomete ŝanĝas. Ofte la vicordo en la lernolibroj estas simila, kaj ne grava.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

**UNUA LECIONO**. Komplete pri la prononcado. Ĝi estas verŝajne la plej grava leciono, ĉar se en la komenco lernanto ekkutimas prononci ion malĝuste, estas ege malfacila poste korekti tion. En la unua leciono mi eltrovas, kiuj kursanoj bezonos poste pli da helpo pri la prononcado. Malzorgi tion kreas la plurajn Esperantistojn ĉirkaŭ ni kun strangaj prononcaĵoj.

**DUA LECIONO**. Substantivoj KAJ Adjektivoj, tuj kune, kun la artikolo kelkfoje.

Ŝajne tro rapide, sed mi trovas tion ĝusta, ĉar mi ankoraŭ ne enkondukas "esti" nek afiksojn.

**TRIA LECIONO**. Netransitivaj verboj kun sia Subjekto, kaj en la tri tempoj. Do klarigenda indiko de simplaj propozicioj kun la du unuaj partoj, Subjekto kaj Predikato (Verbo). Demandoj.

**KVARA LECIONO**. Transitivaj verboj kun sia Subjekto kaj sia Objekto kun la akuzativo. Demandoj kun tiu, kiu, tio, kio.

**KVINA LECIONO**. Same, sed kun la finaĵoj –us kaj –u.

**SESA LECIONO**. Transitivaj verboj sen sia Objekto. Ĉiuj finaĵoj.

NOTO: Mi trovas tre grava, ke en la komenco de la kurso la lernantoj ekkutimas vidi la tri

unuajn partojn de ĉiu frazo. Pro tio jen la sekvantajn lecionojn kun kvar partoj, inkluzive de la

t.n. nerekta objekto = Adjekto.

**SEPA LECIONO**. Verboj kun sia Adjekto (= Prepozitivoj). Kelkaj Prepozicioj. Pronomoj.

**OKA LECIONO**. Verboj kun Objekto kaj Adjektoj (Prepozitivoj de maniero). Pliaj pronomoj.

**NAŬA LECIONO**. Verboj kun Objekto kaj adjektaj adverboj. Komparativoj (adjektivoj kaj adverboj).

**DEKA LECIONO**. La Infinitivo. Adverboj kun Adjektivo + Substantivo. Participoj.

NOTO: Ĝis nun la precipaj temoj estis la verbo kun siaj tempoj KAj LA FRAZKONSTRUO. Kaj ke la Adverboj venas el Adjektivoj kaj funkcias kiel Prepozitivoj.

**DEKUNUA LECIONO**. Pli da Prepozicioj. + Akuzativo. Voĉoj.

NOTO: La Voĉoj ne tre gravas, ĉar ili funkcias kiel ĉiuj verboj.

**DEKDUA LECIONO**. Predikativoj. + kun participoj. Vortfarado.

NOTO: Predikativoj, precipe kun aliaj verboj ol "esti".

**DEKTRIA LECIONO**. Participoj kun siaj komplementoj. Komplementoj ĉe kernoj de frazpartoj.

**DEKVARA LECIONO**. Kompleksaj Tempoj. Adverbaj Participoj.

**DEKKVINA LECIONO**. Participaj substantivoj kaj verboj.

**DEKSESA LECIONO**. Geografiaj nomoj. Numeraloj.

**DEKSEPA LECIONO**. Perfekto kaj Predikto kaj Imperfekto en Esperanto.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

NOTO: Klarigoj ke tiaj kombinaĵoj NE estas verbtempoj.

**DEKOKA LECIONO**. Pliaj Numeraloj. Sendependaj afiksoj.

**DEKNAŬA LECIONO**. La Refleksivo.

**DUDEKA LECIONO**. Korelativoj. La Prepozicio “de”.

Grava celo estis ankaŭ, sentigi ke kompleksaj tempoj ne ekzistas en Esperanto sed ke la participoj estas adjektivaj aspektoj de Substantivoj, kaj ke en ĉiuj Voĉoj por ĉiuj tempoj estas nur unu vorto (verbo), kaj ke ankaŭ verbaj participoj ne ekzistas, nur participaj verboj, kiel “murdati”.

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Tre trafa historieto



Jen historio, kiun mi ĵus vidis en filmeto:
Korvo sidas sur alta branĉo en arbo. Alvenas dua korvo, ĝi demandas: "Kion vi faras?" - "Fakte nenion, mi nur sidas kaj gapas." La dua korvo sidiĝas apud la unua kaj ankaŭ gapas.
Alvenas kuniklo. "Kion vi du faras?" "Nenion, ni nur sidas kaj gapas." "Ho, tion mi ankaŭ provos."
Alvenas vulpo. "Kion vi faras?" "Nenion, ni sur sidas kaj gapas." Bone, pensas la vulpo, se ĉiuj faras, ankaŭ mi faros."
Alvenas ĉasisto. Li pafas la kuniklon kaj la vulpon.
"Vidu", diras la unua korvo al la dua, "nur sidi kaj gapi oni povas permesi al si nur en alta pozicio!" Amike, *Peter Weide*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## 3zzz



En la elsendo de la 1a de aprilo bedaŭrinde ne estas ŝercoj, sed serioza programo kaj interalie intervjuo de Szaboles Szilva ( Sabi) pri la programo Erasmus en Eŭropa Unio kaj por tiuj, kiuj ŝatas vagonarojn, multe da informoj de Fervoja Mondo de Jindrich Tomiŝek

*Franciska Toubale*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***